

# PENSEO

N-ro 134

Nov./2002

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 http://anteo.topcities.com

## Larmoj de Generalo (II)

*Liu Yazhou*

**(3) Post dormo la vera fakto montriĝis, ke la malbona afero estis farita de la garnizona majoro Sun Eryong .**

Koleregis la generalo Zhang Zhizhong. "Mi estas blinda kaj mi manĝigis la hundon, lin kaptu!"

Ĉiuj bone sciis, ke Sun Eryong finos lian vivon kaj tiuj, kiuj prenis du ombrelojn, estis mortigitaj, li faris tian aferon kaj devas esti mortigitaj milfoje. Ĉiuj scias, ke en la okuloj de la generalo ne troviĝas sablero.

Kiam militleĝa sekciestro petis al la generalo Zhang pri finigo de la afero, la generalo silentis kvin minutojn kaj diris: "Lin mortigu!"

Kial li ne memoris? Sun Eryong estus hundo, vere li estas 'merita hundo.'

Li estis ano de glavgrupo sub la gvido de la generalo Zhang Zhizhong, sur la Granda Muro ĉe Xifengkou, dek ok kapoj de japanaj soldatoj rulis ĉe liaj piedoj kiel balonoj. En Julio-Sepa Evento li gvidis soldatojn de unu kaj duona rotoj batalis kontraŭ japanaj soldatoj de unu brigado. Li staris firme kiel la ponto.



Despli li estas favoranto por savi la generalon Zhang. Antaŭ unu jaro la generalo Zhang estis urbestro de Peiping kaj fariĝis najlo en okuloj de naciperfiduloj. Nokte kiam la generalo Zhang renkontis murdiston, li kiel ĉekorpa gardisto de la generalo brave ĵetis sin antaŭ la generalo kaj per sia korpo baris la kuglojn. Tri kugloj ne faligis lin kaj la murdisto falis pro timo.

**(4) La mortiga korno denove sonoris en la sovaĝejo de Lunan-regiono. La hieraŭa filmo ripetiĝis. La malsamo estis ke Zhang Zhizhong ne aperis antaŭ la armeo. Li ne venis al la ekzekutejo.**

Li drinkis en sia oficejo tason post taso.

La sekciestro de militleĝo legis, anstataŭ la generalo, la mortigan ordono, "Sun Eryong estas kulpega kaj devas esti mortigita." Poste li demandis la mortonton: "Ĉu vi volas diri ion?"

"Mi volas vidi la komandanton Zhang," Sun Eryong respondis.

La vicgeneralo transdonis lian peton al la generalo Zhang, kiu piedbatis, dirante, "Lin mi ne vidos! Lin mortigu!"

La vicgeneralo klare vidis, ke lia mano, kiu tennis la tason, tremis, tiel ke la vino elverŝiĝis.

La sama sceno aperis ankaŭ en ekzekutejo. La mortiganto estis soldato de mortigato. Li treme tenis la pafilon.

Sun Eryong kun du grandigitaj okuloj kriis, "Kial tremi? Pafu! Post dudek jaroj mi denove estos forta viro."

En la sama tempo kiam Sun Eryong falis, Zhang Zhizhong ekaperis, kun sia firma kapo mallevita. La vicgeneralo refoje pensis, ke li larmos.

La okuloj de la generalo aspekte korŝiriga sed li ne ploris.

Antaŭ armea ekiro al fronto, ĉio estis silenta, la generalo tiranta ĉevalon iris apud la kuŝanta kadavro de Sun Eryong kaj intence ne rigardi

lin.

Li parolis nenion kaj rapide marŝis kun la armeo.

En la sama vespero la avangardo de la armeo renkontis kun malamikoj. (daŭrigota)



esperantigis **Semio**

## EL *LAŬZI*



### ĈAPITRO 61

(En tiu ĉi ĉapitro Lauzi metas sian opinion pri la rilatoj inter regnoj. Laŭ li, por konservi la pacon inter la regnoj, ĉiuj regnoj, grandaj kaj malgrandaj, pricipe la grandaj, devas humiligi sin unu al la aliaj.)

La granda regno devas esti kvazaŭ ĉe la malsupra baseno de rivero, al kiu fluas ĉiuj riveretoj;
Ĝi devas esti tia loko, al kiu konverĝas ĉio sub la Ĉielo,
Kaj rigardi sin kiel la femalon sub la Ĉielo.
La femalo ĉiam venkas la masklon per kvieteco,
Ĉar ĝi estas kvietema kaj kuŝas pli malalte.
Jen kial granda regno, metante sin sub malgrandajn regnojn, igas la malgrandajn apogi sin sur ĝi.
Malgrandaj regnoj povas, metante sin sub grandan regnon, akiras ties fidon.
Tial iafoje granda regno igas malgrandajn apogi sin sur ĝi per humiliĝo,
Kaj iafoje malgrandaj regnoj akiras la fidon de granda nur per humiliĝo.
Tio, kion la granda regno deziras, estas gvidi la malgrandajn,
Kaj tio, kion la malgrandaj regnoj deziras, estas servi la grandan.
Do ĉiu el la du partioj ricevas tion, kion ĝi deziras,
Sed la granda regno devas lerni antaŭ ĉio sin humiligi.



### ĈAPITRO 62

(En tiu ĉi ĉapitro Laŭzi denove predikas la avantaĝon kaj utilecon de sia Taŭo, kiu estas nemankigebla kiel al bonuloj, tiel ankaŭ al malbonuloj. Se la Taŭo estas uzata kiel donaco, ĝi estas multe pli valora ol jadodisko kaj jungitaro el kvar ĉevaloj, ĉar dank' al la Taŭo oni povas akiri ĉion, kion oni serĉas, esti pardonita pri siaj pekoj, kaj atingi ĉiujn siajn celojn.)

La Taŭo, kiel la profunda kaŝejo de ĉiaj estaĵoj,
Estas la trezoro de bonuloj,
Kaj ĝi devas esti konservata ankaŭ de malbonuloj.
Per belaj paroloj oni povas akiri respekton de aliaj,
Kaj per bonaj agoj oni povas doni al aliaj sekvindan ekzemplon.
Kiel do la Taŭo povus esti forĵetita de homoj, eĉ en iliaj malbonaj agoj?
Tial, kiam la Filo de la Ĉielo[1] surtroniĝas aŭ la tri ĉefaj ministroj instaliĝas,
Pli bone estus prezenti senceremonie la Taŭon

kiel donacon,
Ol donace sendi jadodiskon[2], sekvatan per
jungitaro el kvar ĉevaloj[3].
Kial do la Taŭo estas tiel alte ŝatata ekde la
antikveco?
Ĉu ne povas esti dirite, ke per ĝi oni povas
ricevi tion, kion oni serĉas,
Kaj esti pardonita pri siaj pekoj?
Jen kial ĝi estas alte ŝatata de ĉiuj sub la Ĉielo.

[1] En la antikveco la reĝo aŭ la imperiestro estis titolata “la Filo de la Ĉielo”.

[2] Jadodisko estis uzata kiel tre valora donaco en la antikveco.

[3] Kaleŝo kun jungitaro el kvar ĉevaloj estis uzata nur de la reĝo aŭ ministro en la antikveco.



tradukita de Wang Congfang

## elkore min vin amas

elkore min vin amas

(kantvortoj)

Shi Hongsheng

I

vi naskĝxis ella jaroj kun neĝo kaj
glaci’,
eĥas aspiraj voĉoj de pioniroj.
la ponto freŝas; la animoj ligiĝas.
vi estas tiom pure bela kun sonora
melodi’.
vi, amiko sincera,
lumigas mian vojon.
vi stelo espera
kolorigas la pejzaĝon priĉasatan de la
gepatroj.
inter najbaroj estas paco, kune ĝojas a
gefratoj.
morgaŭ la suno serenos, la homaro plenos
de amikeco.
elkore mi vin amas,
vi estas zefiro ama kaj ag-libera.

II

vi kuradas en la jaroj kun plagoj kaj
mizer’,
riĉas esperaj semoj de elstaruloj.
la vojo vastas; la spiritoj laviĝas.
vi havas tiom ravan korpon kun anĝela
log-mister’.
vi, karulo favora,
dolĉigas mian vivon.
vi,kanto fervora,

emocias la printempon en la koroj de
lafratinoj.
inter najbaroj estas paco, kune dancas la
gefratoj.
morgaŭ la tero fekundos, la homaro
plenos de honesteco.
elkore mi vin benas,
viestas simbolo paca kaj kor-ĉe-kora.



elĉinigis mao zifu

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

## La Vivo de Pu Songling

**Guozhuo**

(III)

### Dumviva Privata Instruisto en Kamparo



En 1672 Pu Songling jam havis tri filojn kaj unu filinon. En 1675 naskiĝis al li la plej juna filo. Por vivteni sian multmembran familion, Pu Songling devis labori kiel privata instruisto ĉe riĉuloj en kamparo preskaŭ 50 jarojn.

En la unuaj jaroj versxajne Pu Songling

laboris sinsekve sub nesamaj dungintoj, sed, ekde 1679, kiam li 40-jara eklaboris en la domo de s-ro Bi Jiyou, li ne plu ŝanĝis por si novan dunginton kaj daŭrigis la fidelan servadon ĝis 1709, resume dum tutaj tri jardekoj !

Familio Bi estis konata kiel kun "unuaranguloj en tri generacioj" kaj "kvar familianoj samtempe funkciis kiel korteganoj". S-ro Bi Jiyou estis filo de Bi Ziyan, ministro en Ming-dinastio, kaj Bi Jiyou mem funkciis kiel prefekto de Tongzhou (la nuna urbo Nantong) en la unuaj jaroj de Kang'xi-erao, qing-dinastio. Post emeritiĝo li revenis al sia hejmloko, kaj invitis Pu Songling kiel privatan instruiston de siaj ok nepoj.

Domo de s-ro Bi Jiyou troviĝis en Xipu-vilaĝo, Zichuan-gubernio, distanca de Pujiazhuang, la hejmvilaĝo de Pu Songling je 60 lioj.

Kvankam ne tro malproksime, tamen Pu Songling ne povis ofte reveni al sia propra hejmo, kie li forlasis maljunan patrinon sen fila servo, junajn infanojn sen patra prizorgo kaj fidelan edzinon sen edza kareso. Tio estis dolora kaj malfeliĉa por Pu Songling, ke li versis foje :

> Por pano mi kultivas en alies bienoj,
> lasinte vin mizera sen patraj vartoj benoj.
> Volonte legu mi kun vi kune cxe fenestro,
> se mi bonsxance havus hektolitron da
> grenoj !
>
> — ( Al Mia Filo Pu Hu )

el tiuj versoj ni povas legi amaron en lia koro. Tamen, la perdo kaj akiro rajdas duope. La tri jardekoj da instruista vivo en la domo de s-ro Bi ankaŭ donis al Pu Songling favorojn, ekz-e: Per la salajro Pu Songling vivtenis sian familion trapasi malfacilojn de malriĉo, malsanoj, nesufiĉo de vivbezonaĵoj, malsato en katastrofaj jaroj.

Domo de s-ro Bi estis vastterena, kie troviĝis bona kabineto Chuoran-halo, kvieta Xiaofan-salono, pitoreska Shiyin-ĝardeno kaj privata biblioteko Pavilono de Deknil Volumoj kun abunda kolekto de libroj.

Dom-mastroj en du generacioj, la maljuna s-ro Bi Jiyou kaj la juna s-ro Bi Shengju, ambaŭ traktis Pu Songling tre familiare, kaj kiel respektatan instruiston kaj kiel intiman amikon, tiel ke Pu Songling sentis sin varma, senĝena kvazaŭ en sia propra familio, kaj en la libertempo post lecion-dono Pu Songling havis bonajn kondiĉojn legi, verki.

Familio Bi ankaŭ havigis al Pu Songling ŝancon vaste interkonatiĝi kun diversaj famaj intelektuloj aŭ ranguloj, ekz-e kun s-ro Wang Shizhen ( 1634-1711), ministro en Kortego kaj korifeo en rondo de poetoj, kiu poste donacis en 1688 favoran poemon pri Liaozhai al Pu Songling (Rakontas la aŭtor'…).





Eldonas Redakcio de *Penseo*
Disdonanto Lin Liyuan
Adreso: Ĉambro 501, N-ro. 72,
Strato Xitangxilu, Guangzhou,
Guangdong (510050)
……………………………………
POŜT-KUPONOJ ESTAS BONVENAJ!
……………………………………
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Shantou Universitato,Guangdong515063, Ĉinio
Tel: (0754) 2903012 (hejme)
E-poŝto: ydwei@stu.edu.cn
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

